23ª Jaro - Nº 11 (249) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Novembro 1937ª

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908ª

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.36

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

ĈE NIA VETERANA GRUPO.

# La Jubileo de la Bruĝa Grupo

En la komencc de tiu ĉi monato ni vojaĝis Bruĝen. Ĉiuj komprenos, se ni diras, ke nia koro vokis nin tien, eĉ multe pli ol nia devo.

La respekto al la veteranoj en la socia, kiel en la familia vivo estas kaj restas ĉiam la bazo, sur kiu konstruiĝos la plej fortaj verkaĵoj.

Sed kiam la veterano estas tiom vigla, kia estas la nun 35-jara Reĝa Societo « Bruĝa Grupo Esperantista », tiam tiu respekto, estas miksata kun tiu sento de amikeco, kiun, nun, multaj patroj kaj avoj kapablas inspiri al siaj filoj kaj nepoj.

Kaj vere, dum la tago, kiun la grava delegitaro el diversaj urboj belgaj kaj fremdaj pasigis en Bruĝo, ĉiuj havis la impreson, esti vere hejme, inter tiuj vizaĝoj karaj, — ĉar jam tiom bone konataj —; ĉe la aŭdo de tiuj voĉoj, kiuj tiel agrable tintas en niaj oreloj, — ĉar jam tiom ofte aŭditaj en diversaj cirkonstancoj en kiuj ili alportis al ni, per sia varmeco, — varmeco venante el la koro, — la forton, por, kun ili, daŭrigi la pezajn ŝarĝojn, kiujn la diversaspekta Esperanta movado metis sur niajn ĉies ŝultrojn.



Ĉiuj kune sur la ŝtuparo de la Provinca Palaco.

Estis cetere bela tago, bela aŭtuna tago, kiu kunhelpis, faciligi al ni la alvokon, en nia spirito, de tiu simila tago en Oktobro 1902, kiam kelkaj pioniroj de nia movado kunvenis iom solene, por starigi, por krei tiun unuan grupon propagandan, kiu, malgraŭ ĉiuj cirkonstancoj, malgraŭ la diversaj batoj, kiujn ĝi, kiel ĉiuj aliaj, renkontis, postvivas ankoraŭ ĉiam kaj estas preta postvivi ĝis in eterno.

En la paroladoj, kiuj estis faritaj, oni memorigis al ni la nomojn de tiuj pioniroj. La Morto jam falĉis en ties rangoj. Ni tion devas kompreni, kvankam ni nur malfacile povas tion akcepti.

Sed feliĉe, eĉ post ilia morto, ili postivas en la rezultato de sia laborado. Iliaj taskoj estas transprenitaj kaj ripozas sur ŝultroj, pri kiuj oni povas aserti, ke ili estas la plej fortaj, kiujn oni povis esperi.

Kaj tial, kiam ni, reveninta hejme, repripensis la tagon, kiun ni pasigis en Bruĝo, nia dankemo, krom al la aŭreolitaj vizaĝoj de la unua prezidinto A. J. Witteryck kaj liaj tiamaj kunuloj, ankaŭ iris al tiuj ĉiuj, kiuj sub la gvidado de S-ro Dervaux, honora prezidanto, kaj F-ino Thooris, prezidantino, dum tiom da jaroj, per sia membreco, per sia laboro ankaŭ, meritis esti menciitaj sur la honorlistoj de la jubileantoj de la grupo; listo, kiun ni presigas en tiu ĉi numero de nia revuo.

Al ili ĉiuj, iras nia danko. En ili ĉiuj, ni ankaŭ metas nian esperon, ke la Bruĝa Grupo ĉiam restos la plej forta kolono, sur kiu povas ripozi, plenfide, nia kara Reĝa Belga Ligo Esperantista, kiu mem estas nur ero en la granda frataro de la Esperantistaro tutmonda.

Kaj estas, gajigita per tiu ĝojiga konstato, fortigita per tiu espero, ke ni rehejmiĝis kaj ke ni eksidis antaŭ nia labortablo, por skribi tiujn kelkajn liniojn, en kies suna atmosfero, tre certe respeguliĝas la varmeco de la sentoj, kiuj ekfloris en ĉies koro, dum tiuj gloraj festoj kaj kiuj igas nin krii:

« Vivu la Bruĝa Grupo Esperantista ! »

Maur. JAUMOTTE.

# 1902 - La Jubileaj Festoj en Bruĝo - 1937

Tridekkvin jaroj... Kiam ni pripensas, ke tiun ĉi jaron ni festas la 50-jaran jubileon de la eldonado de la unua broŝureto pri la internacia lingvo, tiu nombro de tridekkvin jaroj, kiujn nun kalkulas la Reĝa Societo « Bruĝa Grupo Esperantista », ŝajnas ja tre grava.

Nur dekkvin jaroj post kiam, sen gravaj financaj kunhelpoj, eldoniĝis tiu simpla broŝureto, troviĝis jam, en iu urbo de Belgujo, sufiĉe entuziasmaj pioniroj, por ne nur lerni kaj praktiki la novan lingvon, sed por starigi grupon, kies tasko estos, propagandi la novan helpilon ne nur en tiu urbo mem, sed en la tuta lando.

Ni ne povas, en la kadro de tiu ĉi artikolo, rememorigi pri ĉiuj, kiuj helpis nian bedaŭratan amikon A.J. Witteryck, poste prezidanto de la tutlanda asocio, sed ni povas atesti, ke tiuj, kiuj reprenis la heredaĵon, montris Dimanĉon, la 3-an de Oktobro, ke ili ankaŭ heredis la organizajn kvalitojn de sia iama gvidanto.

La festoj estis antaŭirataj, matene en la Kapelo de la Sankta Sango, per Di-servo, kun esperanta prediko de Pastro De Maeyer, kies esperantistan animon kaj konvinkigan talenton ĉiuj niaj legantoj jam konas.

Post la Di-servo sekvis akcepto en la urbdomo.

S-ro Van Hoestenberghe, la simpatia urbestro de Bruĝo, kiun niaj membroj ankaŭ jam konas de la lasta kongreso, kiam li altanime parolis pri nia idealo, nun, denove, faris belegan paroladon, en kiu li laŭvalore honorigis la jubileantan grupon kaj ĝiajn gvidantojn. Li danke akceptis la titolon de honora membro de la Bruĝa Grupo Esperantista.

Estis S-ro Dervaux, la honora prezidanto de la jubileanta grupo, kiu respondis kaj kiu, plej kore, en plej bonaj vortoj, dankis la urbestraron pro la akcepto.

Lia parolado, same kiel tiu de la urbestro, estis longe aplaŭdata de la multnombraj partoprenantoj al la festoj, ĉiuj la Bruĝaj amikoj kaj multaj delegitoj el diversaj urboj de Belgujo kaj de la eksterlando.

Post la trinkado de la honorvino, ĉiuj kune promenis, kun la flago antaŭe, al la Provinca Palaco, sur kies ŝtuparo, ĉiuj kunstaris por la fotografado.

Kaj denove oni daŭrigis la iradon ĝis la Muntpaleis, kie estis okazonta la solena festkunsido.

**La Festkunsido.**

Ni ne devas tie ĉi priskribi la belan salonon de « Muntpaleis ». Kiu ne jam partoprenis feston, organizitan de la Bruĝa Grupo, en tiu ĉi salono?

Sur la podio, sidiĝis S-ro Dervaux, kiun la eksterbruĝanoj estis feliĉaj revidi post tempo, kiu ŝajnis jam longa, precipe ĉar S-ro Dervaux, kiu, en la grupo, ne nur ludis honoran rolon, sed vere viglan, ĉe la gvidado de la grupo mem kaj, de la kursoj, estis plene resaniĝinta de longa malsano.

Li estis ĉirkaŭata, dekstre, de F-ino Thooris, la senlaca prezidantino, la vera animo de la grupo, por kiun plezurigi, — kiel iu ĉarma membrino konfidis al ni —, ĉiuj estas pretaj fari ĉ i o n; S-ro Maur. Jaumotte, vicprezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista, kaj prezidanto de « La Verda Stelo », la Antverpena fratgrupo; S-ro Cogen, emerita vicprezidanto; S-ino Algrain, honora vicprezidantino de la Bruĝa Grupo; S-ro Faes, administranto de Belga Ligo kaj sekretario de la Antverpena sekcio; F-ino Ledène kaj, maldekstre, de S-ro Kempeneers, prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista; S-roj Ch. Poupeye, vicprezidanto, Van Roye, sekretario, kaj Guillaume, kasisto de la Bruĝa Grupo; S-ro Van de Velde, administranto de B. L. kaj prezidanto de la Genta Grupo; S-ino Dervaux, F-ino Boerboom, S-inoj Vlietinck kaj Poupeye kaj la aliaj komitatanoj de la Bruĝa Grupo.

En la salono, ni rimarkis, el ekster Bruĝo, S-inojn Frans Schoofs, Kempeneers, Jaumotte kaj Faes, grava delegitaro el Gento, el Ostendo, el Nieuwpoort, la pastron De Mayer kaj, el la eksterlando, S-inon Brankamp, (Nederlando), Moy Thomas kaj S-ro kaj F-ino Bingham (Anglujo).

Post kelkaj malfermaj vortoj de S-ro Dervaux, F-ino Thooris diris al la ĉiuj jam nomitaj, individue, kaj al ĉiuj aliaj, are, koran bonvenon, dum ŝi esprimis la dankon de la jubileanta grupo al ĉiuj, kiuj, per sia ĉeesto, montras sian simpation al ĝi.

Ŝi faris tiam la detalan priskribon de la vivo de la grupo antaŭ la milito kaj aplaŭdigis diversajn nomojn.

La taskon priskribi la postmilitan vivparton prenis sur sin S-ro Poupeye, kiu ne preterlasis, substreki, kiel decis, la gravan rolon, luditan, en tiu periodo, de F-ino Thooris, kiu, siavice, dividis la laŭdojn sur ĉiuj siaj kunhelpantoj: S-ro Dervaux, kiu, kun ŝi, dividis la prezidantajn taskojn; S-ro Poupeye, kiu post kiam S-ino Algrain devis forlasi la postenon de vicprezidantino, reprenis ties rolon, dum S-ro Van Roye, ankoraŭ rilate nova elemento en la estraro de la grupo, reprenis la sekretarian postenon de S-ro Poupeye, kaj ĉiuj aliaj, kiujn ŝi citis kaj dankis sed kies meritojn ni, en tiu raporto, tamen ne povas detale prikanti.

Tie ĉi, ni devas kontentiĝi citi nur tiujn, kiuj plenumas efektivan rolon, do, krom la jam cititaj, F-inon Maria Van den Berghe, helpan sekretariinon, S-ron Eugène Guillaume, kasiston, F-inon Alice Boereboom, S-inon Yolande Vrielynck kaj S-ron Karel Decoster.

Krome, ni tamen volas citi entute la liston de tiuj, kiuj kun la grupo mem, persone jubileas. Jen tiu listo.

**1902** **S-ro Paul Blaise.**
**1906** **F-ino Alberthe Ledène.**
**F-ino Yvonne Thooris.**
**1907** **S-ro Néron Beernaert.**
**S-ro Edouard Verbeke.**
**1908** **S-ro Moy Thomas.**
**1912** **S-ro Sylvain Dervaux.**
**S-ino Sylvain Dervaux.**
**1915** **S-ro Robert Groverman.**
**1917** **S-ro Emile Boone.**
**1919** **F-ino Céleste Boereboom.**
**F-ino Alice Boereboom.**
**S-ro Charles Poupeye.**
**1921** **S-ro Louis Douchamps.**
**1922** **S-ro Gustave Dotselaere.**
**S-ro Eugène Guillaume.**
**1923** **S-ino Algrain-Coucke.**
**F-ino Andrée Algrain.**
**F-ino Laurentine Lescrauwaet.**
**S-ino Mac Leod.**
**1925** **F-ino Marie-Louise Bulcke.**
**S-ro Henri Campe.**
**S-ino De Cock-De Soete.**
**S-ino Dotselaere-Heinkens.**
**S-ino Heereweghe-Verbeke.**
**S-ino Stroobandt-Victoor.**
**S-ro Grégoire Van den Abeele.**
**S-ro André Van Eenoo.**
**S-ino Van Hee-Cariatola.**
**1926** **S-ro Auguste Stroobandt.**
**S-ro Oscar Costenoble.**
**1927** **S-ino Driesens-Anthone.**
**S-ino Golachowska-Kiere.**
**S-ino Mestdagh-Wydhooge.**
**S-ino Moens-Verlé.**
**S-ro Gaston Platteeuw.**
**S-ino Sabbe-De Veen.**
**S-ro Henri Van Roye.**
**F-ino Maria Verbeke.**

Post la memorigo de la laborjaroj de la grupo kaj la honorigo de la jubileuloj, S-ro Van Roye legis la multnombrajn telegramojn kaj leterojn, kiuj alvenis, anonciloj de senkulpigo pro ne-ĉeesto kaj portiloj de gratuloj kaj bondeziroj.

Tuj poste, S-ro Kempeneers demandis la parolvicon kaj alportis la gratulojn de Reĝa Belga Ligo Esperantista. Li klarigis kiel li, nur postmilita esperantisto, iom ekrevis, ĉe la aŭdado de ĉiuj tiuj klopodoj kaj pioniraj laboroj de la kreintoj kaj de la gvidantoj de la Bruĝo sekcio. Li honorigis ĉiujn la jubileantojn, per koraj laŭdvortoj.

S-ro Maur. Jaumotte, nome de la Antverpena Grupo « La Verda Stelo », alportis la fratan saluton de ĉiuj Antverpenanoj kaj, nome de ili, transdonis al la Bruĝa Grupo, tablo-standardeton, kiu dum la alia, pli granda, flirtos en la stratoj, daŭre flirtos antaŭ la okuloj de la gemembroj, kiel simbolo de la frateco de ĉiuj grupoj belgaj.

F-ino Thooris tuj volis danki, pro la donaco, kiun ŝi nomis bela kaj kiu, laŭ ŝi, certe, kun emocio, estos akceptata de ĉiuj la membroj kaj kiu kunhelpos igi ankoraŭ pli koraj, se eble, la rilatojn, inter la du grupoj.

Ŝi ankaŭ dankis la prezidanton de Belga Ligo pro la bonaj vortoj.

Florgarboj estis ankoraŭ prezentitaj, nome de la Bruĝa Grupo, al S-ino Dervaux, la kara edzino de la honora prezidanto, kaj al F-ino Thooris, de la gefiletoj de G-roj Poupeye.

Post kiam S-ro Moy Thomas estis kantiginta de ĉiuj « Ŝi estas bonegulino », honore de F-ino Thooris, S-ro Dervaux fermis la kunsidon kaj ĉiuj tuj direktis siajn paŝojn, al « Cornet d'Or », kie estis okazonta la festeno.

**La Festeno.**

Agrable aspektis la tabloj, kiuj estis bele starigitaj en la salonego de la sidejo. Ĉe la honortablo, S-ro Dervaux estis ĉirkaŭata, dekstre, de S-ino Dervaux, Pastro De Maeyer, S-ino Schoofs, S-ro Van de Velde, G-roj Faes kaj, maldekstre, de F-ino Thooris, G-roj Kempeneers, S-ro Jaumotte, S-ino Algrain, G-roj Cogen, S-ino Jaumotte, S-ro Moy Thomas, S-ino Brankamp, kaj G-roj Poupeye.

Bonega menuo estis kunmetata; priskribo decus en revuo de bonmanĝemuloj.

Kaj... la paroladoj estis tie ĉi malmultnombraj kaj mallongaj. F-ino Thooris trinkis je la sano de la Reĝo, al kiu jena telegramo estis sendita:

Al Lia Reĝa Moŝto Leopold IIIa
Bruselo.

Reĝa Societo Bruĝa Grupo Esperantista, kunvenante ĉe kunfrata festeno, kun estraro de Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj reprezentantoj de belgaj kaj eksterlandaj societoj esperantistaj, por festi la tridekkvinjaran jubileon de sia starigo varme aplaŭdis toaston, elparolitan al via Reĝa Moŝto kaj al la Reĝa Familio.

Yvonne Thooris.

Ni tuj aldonu ke la Reĝo respondigis jene:

Sinjorino Yvonne Thooris,
Bruĝo.

Tre tuŝita pro via afablega telegramo, la Reĝo komisiis min, transsendi al vi, siajn plej sincerajn dankesprimojn.

La ŝtatsekretario de la Reĝa Palaco.

S-ro Vandevelde alportis la saluton de la Genta Grupo, kiu estis reprezentata ĉe la festoj de la plej grava delegitaro.

S-ro Jaumotte toastis je la honoro de F-ino Thooris, al kiu S-ro Faes, dume, transdonis, nome de la Antverpena grupo, belajn florojn.

S-ino Bramkamp, tutkore, alportis la saluton de la fremdaj gastoj, kiuj venis el Nederlando kaj el Anglujo, por partopreni la festojn.

Kaj, fine, S-ro Kempeneers konkludis per alvoko por la estontaj festoj, la ĉiujaraj festoj, niaj nacia kaj internacia Kongresoj kiuj okazos en Charleroi kaj Londono.

Pri la unua, S-ro Kempeneers jam priskribis belegan ekskurson, kiu estas antaŭvidata por la pentekosta lundo; pri la alia, li substrekis la proksimecon de la kongresloko kaj la allogeco de la urbo Londono.

Kaj, dum du horoj, la partoprenintoj havis tiam okazon por promenadi tra la urbo kaj ĝui eble, lastfoje, belan ankoraŭ, someran posttagmezon.



**Alia fotografaĵo antaŭ la urbdomo.**

**La Vesperfesto.**

Kiel konkludo de la festoj, okazis, vespere, en « Muntpaleis » granda teatra reprezentado, sekvata de dancado.

Sur la teatra programo staris tri unuaktaj komedioj, unu « La Salujo » de E. G. Gluck, el la franca lingvo, tradukita de L. Cogen; dua « Amaj Ruzetoj », originale verkita de Lucette Faes-Janssens, kaj la tria « Esperantistenliefde » de D-ro Van der Biest, el la franca, flandrigita de Ch. Poupeye.

Ni ne povas resumi, tie ĉi, la tri teatraĵetojn, el kiuj du jam estis konataj, dum la alia « Amaj Ruzetoj » estis speciale skribita por tiuj festoj kaj estis do unuafoje reprezentata; nek detale pritraki la kvalitojn de la diversaj, multnombraj ludantoj.

En la unua, G-roj Groothaert ludis rolojn de disputemaj geedzoj, dum S-ino Poupeye ludis tiun de maljuna servistino al kiu oni devas multon pardoni. En la dua, S-ino Yolande Vrielynck, estis griza onklino; F-ino Suzanne Vanden Berghe, ĉarma nevino; S-ro Groothaert, bonkora onklo; S-ro Gustave Dotselaere, ruza fianĉo; F-ino Maria Vanden Berghe, helpema amik-

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

Multajn gratulleterojn ricevis la „BELGA ESPERANTO-INSTITUTO", okaze de sia translokiĝo kaj de la malfermo, en trafikplena strato de la centro de Antverpeno, de magazeno, multe pli spaca kaj bonorganizita ol tiu, kiun ĝi, ĝis nun, posedis en la pli trankvila Willemsstrato kaj en kiu la esperantistoj, ĝenerale, kaj la loka grupo, speciale, disponas krome pri kunvensalono, en kiu, de nun, estas ankaŭ organizataj la kursoj de Esperanto.

El kelkaj el la leteroj tamen evidentiĝas, ke estas multaj membroj de Belga Ligo kaj legantoj de nia revuo, kiuj ne jam scias kio estas vere la Instituto.

Ni ne intencas fari tie ĉi longan historion de la Instituto, kiu estas organizita, kiel leĝa Koopera Societo.

Ni diru, ke ĝi estas kreita, antaŭ dekunu jaroj, dum komitata kunsido de la Grupo « La Verda Stelo », kiu jam estis eldoninta kelkajn broŝurojn kaj poŝtkartojn kaj kiu preferis, ke tiuj eldonaj aferoj estu prizorgataj de aparta societo, laŭ komerca formo.

Por ke tiu Instituto tamen povu labori sur la tuta belga kampo, la verdstelaj gekomitatanoj donis al ĝi la nun jam bone konatan nomon kaj subskribis ĉiuj kelkajn akciojn. Ili estis dektriope kaj tiel kunmetis kapitalon de 12.500 frankoj.

Multaj amikoj el ĉiuj partoj de la lando tuj komprenis la gravecon, por la estonto, de tiu paŝo kaj ankaŭ subskribis akciojn. Tiel estis atingita en la jaro 1932, kapitalo de pli ol 150.000 frankoj.

Dum la krizaj jaroj, diversaj amikoj estis devigataj peti la repagon de parto aŭ eĉ, por kelkaj, de la tuto de siaj akcioj, sed nuntempe tamen la kapitalo subskribita ankoraŭ atingas proksimume Fr. 125.000.

La administrado de la societo estas, nunmomente, en la manoj de la 3 administrantoj-delegitoj: S-roj Maurice Jaumotte, prezidanto; Louis De Hondt, sekretario, kaj Oscar Van Dyck, kaj de la 4 administrantoj S-roj Edg. De Coster, Morris De Ketelaere, Ch. Van der Veken kaj Hector Vermuyten, dum la kontrola laboro estas efektivigata de la gekomisaroj F-inoj Morrens (Antverpeno), Yv. Thooris (Bruĝo), S-ino Staes (Bruselo), S-roj Dechesne (Sclessin-Lieĝo) kaj Sielens, kies eksiĝo estis provizore akceptata, kiam li eniris la oficistaron de la Instituto.

La oficistaro konsistas el S-ro Henri Sielens, direkci-sekretario, kaj S-ino J. Van den Bossche-Van Eynde, kiujn, ĉiam bonvoleme, helpis S-ro G. Van den Bossche.

Ni rediras ke tiuj, kiuj deziras kunhelpi al la plifortigo de la Instituto, povas subskribi unu aŭ diversajn akciojn de Fr. 100.

Oni povas pagi tiujn akciojn, ĉu entute, ĉu parte, sed la minimumo, pagota ĉe la enskribo, estas 20 % de la subskribita sumo.

Aliflanke estas akireblaj en la Instituto, ne nur ĉiuj Esperantaĵoj, sed ankaŭ ĉiuj objektoj rilatantaj al la papera- aŭ librista fako: ĉiuspecaj kajeroj kaj paperoj, ĉiuj skribiloj kaj klas- aŭ oficejaj iloj, registroj, ktp.; ĉiuj infanaj leg-, desegn- kaj eltranĉlibroj (Micky Mouse, Shirley Temple, k.c.); paperaj tablotuketoj, ĉiukoloraj kaj ornamitaj per ludkartoj; porskribaj subaĵoj, inkujoj diversspecaj, necesaĵoj por Briĝludi, por nur citi tiujn kelkajn objektojn, kiujn la Instituto hejmensendas, same kiel, aŭ kune kun esperantaĵoj menditaj.

Fine, la Instituto akceptas ĉiujn mendojn de presaĵoj: vizitkartoj, leterpaperoj, komercaj kaj aliaj reklamiloj, revuoj kaj libroj.

Ni pensas, ke tiu resumo permesos al tiuj, kiuj ne jam ion sciis pri la Instituto aŭ kiuj nur vidis ties nomon sur presaĵoj, sed ĝin fakte ne konis, formi al si ideon pri tio, kion reprezentas la Instituto, por la estonto de nia movado kaj ankaŭ pri tio, kion ili mem povas fari, se ili volas kunhelpi al la efektivigo de ties tasko.

**Subskribi akcion kaj mendi ĉiam, kiam okazo prezentiĝas.**

Rekomendinde estas, ke, en ĉiuj grupoj, oni sekvu la ekzemplon, donitan en kelkaj: kolekti, ĉiusemajne, la mendojn de la membroj, tiel ke la alsendo okazu kune kaj kostu la minimumon.

---

ino kaj fratino kaj F-ino J. Schepens, vigla servistino.

En la flandra teatraĵeto, F-ino Marguerite Huyghe kaj F-ino Simone Geysen ludis rolojn de amindulinoj, kiuj vere trovas la amon, al kiu ili indas; dum S-ro Georges Annys estis kelnero, certa pri si mem, S-ro Julien Roose, bone tipita angla sinjoro kaj S-ro Florent Verplancke, L.K.K.-a sekretario, kiu helpis multon aranĝi por si mem kaj por aliaj.

S-ro Cogen, nome de la aŭtoroj, dankis la bruĝan grupon, dum floroj estis, ankaŭ tie ĉi, disdonitaj.

F-ino Monique De Vooght ankoraŭ dancis du belegajn numerojn, kiuj estis multe aplaŭdataj; poste ĉio prepariĝis por la balo, kiun S-ro Moy Thomas esti agrabligonta per diversaj kantoj.

Tiun balon ni havis la honoron malfermi kun nia simpatia kolegino F-ino Thooris kaj ĉar ni havis la bonan ŝancon resti ankaŭ dum tiu parto de la festo, ni povas atesti, ke la Balo ne estas la malplej vigla nek bone sukcesinta parto de la organizitaj festoj.

Tiel tiuj ĉi finiĝis, je la dua matene, en la plej bona — iom varma — atmosfero!

Ni certe ne atendos ĝis la 40-jara jubileo antaŭ ol vojaĝi Bruĝen!

M. J.

Noto. Tiuj, kiuj deziras, fotografaĵojn pri la jubileaj festoj povas akiri tiujn je Fr. 3,—, pagotaj al la persona poŝtĉekkonto de F-ino Yv. Thooris, N-ro 3494.51.

---

# XXVII-a Belga Kongreso de Esperanto

## Charleroi, 4-5-6 de Junio 1938

La Loka kongresa Komitato estas danka al la fervoraj gesamideanoj, — ni kalkulas 70, — kiuj ĝis nun aliĝis al nia venonta jarfesto. Per tiu agmaniero, ili multe kuraĝigis la organizantojn, kiuj klopodas por starigi, en la ĉefurbo de la « nigra lando », imponan kongreson en ĝojiga atmosfero.

Ni fidas ankaŭ al niaj membroj kaj amikoj, kiuj ne havis ankoraŭ la okazon por enskribiĝi, sed tion tuj faros, plenumante tiel konsciencan devon.

Oni ĝiru kiel eble plej frue la etan sumon de B. fr. 15 al la Poŝtĉekkonto 1119.10 (Belga Kongreso de Esperanto).

Konvinkite pri afabla apogo kaj bonvola helpo de ĉiuj, ni kompense, kiel dankemon, montros la plej grandan viglecon en la organizado de la Kongreso.

Ni tre esperas, ke ni ĉiuj post komunaj laboroj ĝuos en vera « familia rondo » la diversajn festojn kaj allogajn ekskursojn.

Charleroi modernigita kaj plibeligita urbo atendas nin. LKK.

Noto. En la proksima numero ni publikiĝos la nomojn de ĉiuj aliĝintoj, ne jam menciitaj en « Belga Esperantisto ».

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile: ĉiusabate je 20.30-a h.

**Je la demando de la Prezidanto, ĉiu kunveno havos estron, kiu zorgos pri ĉio, kio rilatas al la kunveno, kiun li akceptis estri.**

**Laŭ decido de la komitato, ĉiuj kunvenoj — ekster la manĝaj vesperoj, do eĉ la intimaj kunsidoj, — enhavos oficialan parton, dum kiu io estos legata aŭ pritraktata.**

Sabaton, la 6-an de Novembro: Kolbasvespero (Gezoden Worsten) en « Zenith ». (Estrado: S-ro Sielens.) **Simpla porcio: fr. 5,—; duobla porcio: fr. 8,75.**

Sabaton, la 13-an: Koncerteto, okaze de la Armistic-tago, kun pritema paroladeto de S-ro Faes. (Estrado: S-ro Van Dijck.) **Witte Leeuw.**

Sabaton, la 20-an: Parolata Ĵurnalo. (Ĉefredaktoro: S-ro Jaumotte.) **Esperanto-Domo.**

Sabaton, la 27-an: Parolado de S-ro Sielens pri « Bonhumoro en la Esp.-literaturo ». (Estrado: S-ro De Hondt.) **Esperanto-Domo.**

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO: « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO: « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

Lundon, la 1-an de Novembro: je la 10.30-a en la Sankta Georgostrato: Partopreno en sekvantaro al la Milita Tombejo.

Pliaj kunvenoj, ĉiuj en la « Kunvenejo »:

**N.-B.: La unua horo de ĉiu kunveno, do de la 20-a ĝis 21-a, estos dediĉata al « Lingvaj ekzercoj ». Oni alvenu akurate.**

**Programo por la dua horo:**

Mardon 2-an: Legado kaj klarigado de B.E. (Prez. S-ro Ch. Poupeye.)

Mardon 9-an: Dikto de kanto. (Prez. F-ino Y. Thooris.)

Mardon, 16-an: Kantvespero. Gvidado: F-ino A. Boereboom kaj S-ino J. Groothaert; ĉe la piano: S-ino Poupeye aŭ S-ino Van Roye.

Mardon, 23-an: Debato: Kinematografio aŭ Teatro. (Prez. S-ro G. E. Guillaume.)

Mardon, 30-an: Portretoj laŭ angla maniero. (Prez. F-ino A. Boereboom.)

Vendrede: 5, 12, 19, 26 de Novembro, je la 20-a, pliaj lecionoj de la elementa kurso, en la Sidejo.

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde — kaj ankaŭ dum la daŭro de la kurso: ĉiuvendrede — de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la grupa Sidejo. Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj estas malfermata ĉe F-ino M. Huyghe, Pottereirei, 1, Quai de la Poterie (Helpa Poŝtoficejo).

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo: « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde je la 20.30-a horo.

Lundon, la 8-an de Novembro: Kantvespero.

Lundon, la 15-an: Parolado pri Greklando, de F-ino Kestens.

Lundon, la 22-an: Legado el « Ĉeĥa Antologio », de S-ino Staes-Vandervoorde.

Lundon la 29-an: Parolata ĵurnalo, sub gvidado de S-ino Plyson.

Dimanĉon, la 14-an: ekskurso al la Abatejo de La Cambre. Kunveno, je la 2 h. 30, je la Place Ste. Croix, antaŭ la monumento De Coster.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».**

Lecionoj en la lernejo St. Pietersnieuwstraat, 45, ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

## GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 2-an de Oktobro, la mitulvespero en « Zenith » havis grandan sukceson.

Lundon, la 11-an, malfermiĝis kurso, kiun gvidas S-ro L. De Hondt.

Vendredon, la 15-an, S-ro Jaumotte faris trilingvan paroladeton en Radio-Antverpeno. F-ino Jeanne Verhelst kaj S-ro Jules Pierre kantis esperanto-kantojn.

Sabaton la 16-an: multaj membroj bone amuziĝis, rigardante la filmon, pri malnovaj okazintaĵoj el la grupa vivo.

Sabaton, la 25-an, la parolado de S-ro Jaumotte, estis anstataŭata, de parolado de F-ino Weinsberger, pola samideanino, kiu, neantaŭvidite, vizitis la grupon.

F-ino Weinsberger, kiun S-ro Jaumotte prezentis plej afable, paroladis pri « Maroko », kies specialajn morojn kaj kutimojn ŝi plej lerte klarigis. Ĉiuj ĉeestintoj, kun granda intereso, sekvis la klarigojn de la bonega esperantistino, kiun la prezidanto varme dankis.

**BRUĜO. — « Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo ».** — La 21-an de Septembro, S-ro André Van Eenoo faris tre interesan paroladon pri « Turismo », ankaŭ en ĝiaj rilatoj kun Esp. kaj en ĝia rolo por la turisma urbo Bruĝo. Li estis danke aplaŭdata de ĉiuj ĉeestantoj.

La 28-an, la grupo ricevis la viziton de S-ro Beckman, Sveda instruisto, prezidanto de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE). Li pritraktis la temon « Instruisto spertas la Mondon » kaj multe interesis ĉiujn. Ankaŭ li propagandis favore de TAGE. La finiĝo de la vespero estis dediĉata al lastaj aranĝoj por la jubilea festo.

Dimanĉon, 3-an de Oktobro, la grupo festis sian 35-jaran jubileon, pri kiu raparto troviĝas en la antaŭaj paĝoj.

La 5-a, estis precipe dediĉata al la raporto pri la jubilea festo; pluraj membroj havis la parolvicon, sed speciale menciinda estis la raporto farita de S-ro Delcloo.

La 8-an, en la Sidejo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or », malfermiĝis kurso por komencantoj. Tridek du novaj gelernantoj enskribiĝis, al kiuj aldoniĝis pluraj novaj gemembroj enskribiĝintaj dum la jaro, tiel ke S-ro Ch. Poupeye gvidas tiun kurson en plenplena salono. Estas bela rikolto post pacienca semado.

La 12-an, la kunveno estis ĉefe dediĉata al diktado kaj klarigado de kanto, sub gvidado de F-ino Y. Thooris.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — La 4-an de Oktobro, S-ro Buenting, kies sindonemo al la Esperantista Reprezentantaro Brusela, estas vere laŭdinda, organizis vesperon en la «Palaco de Belartoj». La programo enhavis esperantajn melodiojn por orĥestro.

S-inoj Gh. Brochat kaj Braconnier, de la Reĝa Konservatorio de Bruselo, artplene kantis en Esperanto.

S-ro Buenting talente kaj entuziasme faris provlecionon kun tradukhelpo de S-roj Vanderstempel kaj Rainson.

S-roj Rainson, flandre, kaj D-ro Maes-Dubois, france, paroladis pri Esperanto.

La salono estis plenplena. Ni esperu, ke tiom da klopodoj kaj elspezoj havos grandegan rezultaton.

**GENTO. — Genta Grupo Esperantista.** — La 13-an de Septembro, la grupanoj kunvenis en la Salono de « Melomanes », Savaenstraat. Okazis interesa parolado de S-ino Derycke, vicprezidantino, pri « Artaĵa flugado en 1914 » kun lumbildoj. La sprita paroladintino multe amuzis la geĉeestantojn per sia tutspeciala maniero prezenti la paroladon.

La 27-an, okazis ĝenerala kunveno en « Melomanes ». S-ro Vandevelde, prezidanto, parolis pri propagando de Esperanto, kaj proponis fari tion per afiŝoj kaj artikoloj en la gentaj ĵurnaloj. La kunveno finiĝis per bela parolado de S-ro Edm. Lödör, pri « Impresoj en Nederlando ». La paroladinto opinias ke Esperanto estas pli disvastigata en Nederlando, ol ĉe ni en Belgujo.

**LOVENO. — Lovena Grupo Esperantista.** — La juna grupo rekomencis vigle la vintrajn laborojn. En la sidejo, ĝi organizis provlecionon, kune kun ekspozicio de prospektoj kaj gazetoj.

La prezidanto malfermis la kunsidon kaj faris paroladon nederland- kaj franclingvan kaj dankis S-rojn Kempeneers kaj Swinne, ligajn prezidanton kaj sekretarion kiuj bonvolis, speciale, iri Lovenen por prezentado de filmo.

Sekvis la provleciono, donita de S-ro Wauters, laŭ rekta metodo, kelkaj esperantaj kantoj kaj klarigoj por la ĉeestantoj.

La montro de filmo pri la 28-a Universala Kongreso en Vieno finis la vesperon, kiun ĉeestis kelkdekoj da personoj, inter kiuj dekduo tuj jam enskribiĝis por la nova kurso.

Tiu ĉi kurso okazas merkrede kaj vendrede de la 8a ĝis la 10a kaj daŭros 10 semajnojn.

**Pripensu !**

**1938 : du festoj :**

**CHARLEROI : Pentekosto**

**LONDONO : Aŭgusto**

# Tomas Masaryk mortis

**La esperantistaro kondolencas post la morto de la granda prezidanto.**

La esperantista legantaro bone konas la « Malriĉan knabon kiu gloriĝis », — tiun libron, kiu rakontas pri la mirinda kaj nobla vivo de la granda ĉeĥoslovako Tomas Masaryk. Tiu homo ne plu vivas. Li foriris, lasinte en profunda funebro ne nur siajn landon kaj popolon kies edukinto kaj justa gvidanto li estis, sed ankaŭ la demokration de la tuta mondo.

La vivo de Masaryk estis nobla batalo por la vero kaj justeco, sen kiuj — li instruis — ne povas progresi la homaro. La progreso de la homaro devas baziĝi je bonstato kaj feliĉo de l' popoloj, kion atingi oni povas per domokratio, kiam ĉiu homo en libereca atmosfero povos disvolvi siajn ideojn, planojn kaj laborojn. Pri sia profunda trakto de la problemo, Masaryk fariĝis modelo ne nur por sia lando, sed ankaŭ por la demokratio de la tuta mondo.

Ni esperantistoj, kiuj en sia plimulto estas demokrata popolo, kunsentas la doloron de la ĉeĥoslovakoj kaj la tutmonda demokratio, kaj ni partoprenas en ilia profunda funebro. Krom tiu kaŭzo ni havas ankaŭ alian kaŭzon por funebri; Tomas Masaryk estis gvidanto de popolo, kiu tiom forte komprenis nin esperantistojn kaj nian movadon. La simpatio de Ĉeĥoslovakio al nia movado ne estas sole konvencia; tiu simpatio evidentiĝas en fortega, oficiale subtenata Esperanto-movado en Ĉeĥoslovakio, en multaj oficialaj eldonaĵoj esperantlingvaj kaj en propagando de nia movado per la glora jam « Verda Stacio » en Brno, kiu sendas en la mondon vokon por komprenigi la popolojn unu al la alia.



LA PREZIDANTO-LIBERIGINTO T. G. MASARYK.

En la manon de la Verda Stacio en Brno ni esperantistoj metu nian profundan senton de funebro pro la morto de la granda Tomas Masaryk.

Samtempe mi proponas jenon: por esprimi nian kunsenton, ĉiu esperantisto sendu kondolenco-karton al: Radio-journal *Brno*, Ĉeĥoslovakujo. Samideanoj skribu multnombre, por ke vidu niaj ĉeĥoslovakaj propagandantoj, ke ni memoras pri ili ne nur tiam, kiam ili nin regalas per ĉarma Esperanta muzikaĵo, sed ni ankaŭ amike partoprenas en ilia profunda funebro. *Henriko Gielb.*

*(el « Heroldo de Esperanto »)*

# Bibliografio

**„ L'ESPERANTO EN DIX LEÇONS ". — Tiu ĉi eldono de Belga Esperanto-Instituto estas, de antaŭ kelkaj tagoj, elĉerpita. Ĝi nun estas ree presata kaj estos baldaŭ finpreta. Post malmultaj tagoj, ĉiuj menditaj ekzempleroj povos esti forsendataj.**

—o—

**G. K. Chesterton: La Naiveco de Pastro Brown. Esperantigis D-ro Cecil Bean. Populara Esperanto-Biblioteko n-ro 14. Eldonita de The Esperanto Publishing Co. Ltd. Heronsgate, Rickmansworth, Herts, Angl. Havebla ĉe ĉiu esperantista librovendisto. — Bindita. — Prezo 3 ŝ. 6 p. Afranko: 4 p. — Formato 12x19 cm, 256 paĝoj.**

Devas esti duobla ĝojo ĉe la esperantistoj, aŭdi pri la apero de jena libro.

Unue ĝi estas mondkonata kaj estas do simpla, evidenta fakto, ke ĝi ankaŭ aperis en nia lingvo.

Sed estas alia faktoro pri kiu ni devas ĝoji: G. K. Chesterton, plej fama brita verkisto, estis persona malŝatanto de Esperanto.

La nomo de tiu kiu ne aprezis nian lingvon estos do ankoraŭ disvastigata pere de ĝi!

La libro mem ne estas longa verkaĵo kiu fine devas tedi; ne, ĝi estas kolekto de mallongaj detektivaj noveloj kiuj estas bonegaj en sia speco.

Vere brila estas la talento de Chesterton, en konciza rakonto mallonge sed surprize konvinke starigi antaŭ ni la krimon kaj ĝian solvon. Preskaŭ ĉiufoje ne temas pri bagatelaĵoj, sed pri krimegoj.

La ĉefpersono estas la rom-katolika pastro Brown, kies intima amiko fariĝis antaŭa ĉefkrimulo, la franco Flambeau, poste privata detektivo. Tiu pastro Brown havas intuician, kvazaŭ miraklan ekkonon pri ĉia krimo. En plej mallonga tempo li kapablas indiki kulpulon kaj manieron de la krima faro.

La libro estas bele eldonita same kiel la antaŭaj volumoj de la P.E.B.-serio.

Laŭ lingva vidpunkto la traduko estas zorge farita kaj ne abundas neologismoj.

**MUUSSES ESPERANTO-BIBLIOTEKO.**

Ĉiu serio ampleksas 10 volumetojn. Unuopa volumeto kostas 0.35 guld.; tuta serio 2.50, inkl. sendkostoj. Formato 13x20 cm.; amplekso de unuopa volumeto 32-36 paĝoj. — Eldonas: J. Muusses, Purmerend (Nederlando)

Mendebla ĉe Belga Esperanto-Instituto, Lge Leemstr., 127, Antverpeno.

**6/7: Kongresparoladoj de D-ro L. L. Zamenhof.**

Estis tre bona ideo, kunigi la kongresparoladojn de D-ro L. L. Zamenhof en du malkaraj volumetoj.

Evidente tiuj paroladoj, super kiuj nia Majstro kutimis labori tutan jaron, estas altnivelaj literaturaĵoj kaj formas neelĉerpeblan fonton por studo pri la aŭtoro de esperanto kaj por funda ekkono de lia « esperantismo ».

Bedaŭrinde oni anstataŭis en la dua volumeto la lastan kongresparoladon per la jam tre

bone konata « Letero pri deveno de Esperanto ».

—o—

Jam aperis kvar aliaj volumetoj en la M.E.B.-Serio, pri kiuj ni parolos proksiman fojon.

**Jarlibro de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio, 1937.** — 24 p. 16x12 cm. Prezo 2 fr. fk. ĉe Esperantista Centra Librejo, 11, Rue de Sèvres, Paris 6, Francujo.

Enhavo: Raporto de la Prezidanto al la Kongreso; Nomaro kaj adresaro de la LK-anoj; LK-anoj laŭ la lingvoj kaj ilia elirjaro; Akademio; Mallonga historio de la Lingvaj Institucioj; Normigitaj naciaj diplomoj.

**Franca bukedo da dudek kantoj,** ĉerpitaj el nacia kaj regionaj literaturĝardenoj, laŭ adapto de Albert Masselier, militblindigito. Kun antaŭparolo de gen. L. Bastien. La libreto estas vendata profite de la Franca Asocio de Blindaj Esperantistoj (FABE). Prezo 2 fr. fk. ĉe la aŭtoro, 49, Boul. Fichot, Neuilly-Plaisance (S. et O.), Francujo.

**Hungaraj brodaĵoj.** Verkis Ladislao de Spolarich, direktoro de ŝtata virinindŭstria instituto. 2-a kajero de serio « Pri Hungarlando por Tutmonda Esperantistaro » (la unuan kajeron ni ne ricevis). — 24 p. 15x23 cm. Eldonis Hungara Esperanto-Federacio, s-ro J. de Mihalik, Bejcziut. 1, Sashalom, Hungarujo.

Enhavas plejparte ilustraĵojn (25), kiuj prezentas la belegajn hungarajn brodaĵojn en variaj modeloj. La broŝuro ĉefe interesos virinojn. Prezo ne estas indikita; verŝajne oni liveras la broŝuron senpage, propagande por la hungaraj domindustriaj manlaboraĵoj.

**Foiro de Reichenberg,** 15-22. Aŭgusto 1937, Ĉeĥoslovakio, eldonis grandan esperantlingvan afiŝon (61x94 cm.) kaj la saman afiŝon en malpli granda formato (25x37 cm.). Ĝi montras la konatan RM-magneton, nunfoje en formo de aeroplano. — La Foiro eldonis ankaŭ novan esperantlingvan glumarkon (3,5x4,8 cm.).

**Internacia Specimena Foiro, Rio de Janeiro,** 12.X.1937—15.XI.1937. Eldonis afiŝon (44,5 x70 cm.), kiu montras terglobon flugilhavan kaj la cititan esperantlingvan tekston.

# Al la fina Venko!

## Rezolucio de TAGE pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

Konsiderante unue, ke la solvo de la problemo de unu helpa facila lingvo internacia en la epoko de la aviado, de la radio kaj de la filmo sona por ĉiuj internaciaj rilatoj estas ĉiam pli kaj pli urĝa, kiel interalie pruvas la lasttempa propono de senatano Macartney Abbott, aprobita de la aŭstralia federala senato, pri la kunvoko de speciala Interŝtata Konferenco;

konsiderante due, ke la sola praktika solvo de tiu ĉi problemo, kiu jam grandparte fakte aŭtomate efektiviĝas, estas ne nur laŭ la kompetentaj lingvistoj, sed ankaŭ laŭ la raporto de la sekretariejo de la Ligo de Nacioj de 1922, la artefarita lingvo Esperanto, kreita en 1887 de pola kuracisto D-ro Ludoviko Lazaro Zamenhof, — lingvo, kiu de la simpla projekto dum apenaŭ duonjarcento fariĝis granda socia movado, laŭ kultura vidpunkto kaj vere neŭtrala helpa lingvo vivanta, uzata en ĉiuj landoj de miloj kaj miloj de laŭvolaj adeptoj por diversaj sciencaj, profesiaj, ideaj, politikaj, religiaj kaj aliaj celoj, tiel politike neŭtrala, teknike perfekta faciliga rimedo de la interkompreniĝo inter la popoloj de ĉiuj kontinentoj;

konsiderante trie, ke la literaturo kaj la gazetaro en tiu ĉi lingvo ĉiam pliriĉiĝas kaj servas al ĉiuj celoj, ke samtempe la teknika vortaro ĉiuflanke ellaborita estas jam pli riĉa ol en multaj eŭropaj lingvoj;

konsiderante kvare, ke Esperanto donas lingvan egalrajtecon al ĉiuj nacioj en la internaciaj traktadoj;

konsiderante kvine, ke en multaj internaciaj organizaĵoj (institutoj, kongresoj, oficejoj, foiroj), eĉ en oficialaj, kiel Internacia Oficejo de Laboro, Esperanto fariĝis jam fakte en uzado laŭvice kvara aŭ kvina internacia lingvo apud la franca, la angla, la hispana kaj la germana, ĉiam kiel lingvo preferata de la larĝaj amasoj kaj plej korekte uzata el ĉiuj lingvoj;

konsiderante sese, ke en multaj landoj ekzistas jam pli aŭ malpli grandaj kadroj de instruistoj necesaj por instrui la lingvon en la lernejo;

konsiderante sepe, ke en la landoj, kie la nombro de instruistoj ne sufiĉas, oni aplikas sukcese lasttempe la rektan metodon de pastro Cseh, laŭ kiu instruas la lingvon fremdaj instruistoj;

konsiderante oke, ke en multaj lernejoj la lingvo estas instruata ne nur fakultative, sed devige, kaj ke eĉ la plej malriĉa infano povas lerni ĝin;

konsiderante naŭe, ke multaj ŝtatoj helpas kaj subvencias tiun instruadon, rekonante la grandan signifon, kiun Esperanto povas havi el la vidpunkto de la nacia intereso;

la Kongreso, sankciante la decidon de la Pariza Konferenco pri Esperanto en la Moderna Vivo, kiu postulis la enkondukon de Esperanto en la lernejojn, decidas siaflanke sin turni al ĉiuj registaroj de la mondo kun la peto kaj alvoko, ke ili bonvolu aliĝi al la Interŝtata Esperanta Akordo pri la deviga enkonduko de Esperanto en la lernejojn kaj ke ĉiu ŝtato donu promeson enkonduki instruadon de Esperanto, se almenaŭ entute ses ŝtatoj donus la saman promeson. La Kongreso konsideras la proponatan de D-ro Czubrynski Interŝtatan Traktaton, kiel plej praktikan vojon por ĝeneraligi lernadon de Esperanto.

La Kongreso rajtigas sian Lokan Organizan Komitaton funkcii kiel la Realiga Komitato de la Kongreso kaj komisias al ĝi informi la registarojn pri la laboroj kaj la rezolucioj de la Kongreso.



# Anoncetoj

*Turnu vin al samideanaj firmoj :*



**DEZIRAS KORESPONDI.** — S-ro Ten'ei Jamada; Zentôji; Kihonai-mura; Kamiiso-gun; HOKKAIDO; **Japanujo.**

**ESTRARO DE „ BELGA LIGO ESPERANTISTA "**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)
**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)
**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)
**Sekretarioj:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
S-ro R Dechesne, 38, Rue de la Meuse, Sclessin.
S-ro Swinne, 77, Rue Nieuwenhove, Uccle.
**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337 67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).
**Por pagoj al I. E. L.:**
provizore al la speciala P.Ĉ.K. 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario.
**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.